# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Januaro n-ro 1/2010

## PREZIDANTO PASSINI ANONCAS SIAJN PLANOJN POR 2010

Kune kun siaj novjaraj bondeziroj al ĉiuj membroj, la Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, Prof-o José Passini anoncas siajn planojn por la lastaj 6 monatoj de la nuna Estrar-mandato:
- daŭre kunvoki la nunajn membrojn plu klopodadi pligrandigi la membronombron: se ĉiu nuna ano sukcesos varbi po unu nova, evidente la membraro duobliĝos;
- aperigi almenaŭ ankoraŭ du numerojn de nia revuo "Brazila Esperantisto" en la unua jarduono;
- bonorde okazigi unu plian Brazilan Kongreson en Campo Grande / MS;
- bonorde okazigi unu plian "BEL-konferencoj 2010" en Piracicaba / SP;
- eldoni almenaŭ unu plian libron en/pri Esperanto;
- evoluigi la sekretarian funkciadon en la sidejo, en Brasília, precipe kun la klopodo faciligi mendojn, pagojn kaj aliĝojn per kreditkarto;
- plu kapti oportunajn okazojn kontakti aŭtoritatulojn en universitata, politika kaj diplomata medioj, por favora informado pri Esperanto;
- reprezentigi Brazilon en la Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Kubo;
- en paca etoso transdoni la torĉon al la nova Estraro en julio 2010, kunlaborante por plua aktivado por nia movado;
- laŭeble kunlabori kun Brazila Esperantista Junulara Organizo.

## AGRABLA RENKONTO DE BEJO-ANOJ EN CHARQUEADA

En la unuaj tagoj de januaro 2010 okazis io "nova" en Brazilo: Brazila Esperantista Junulara Organizo okazigis sian renkonton en la urbo Charqueada / SP. Dum tri tagoj, en kampara etoso, dudeko da gejunuloj agrable praktikis la lingvon kaj kunvivadis en bonega, amuza etoso. Kompreneble, ankaŭ kelkaj nejunaj homoj entuziasme partoprenis. La eventon organizis la loka aktivulo Guilherme Jardim, kiu taksis la rezulton jene: "ĝi estis unu el la plej agrablaj Esperantoeventoj, kiujn mi jam partoprenis". Ni esperu, ke ĝi fariĝos tradicio! Petu la fotojn: guilherme@winart.com.br.

## ĈIO PRETA POR "BEL-KONFERENCOJ 2010"

La trian fojon okazos la karnavala brazila renkonto de Esperantistoj por diskutado de kulturaj, klerigaj kaj movadaj temoj, ĉi-foje en Piracicaba / SP. Ne temas pri alia kongreso, sed pri altnivelaj sinsekvaj prelegoj (ne okazos samtempaj programeroj), kun sufiĉe da tempo por diskutoj, interŝanĝado de spertoj kaj eventuala malfermo de novaj vojoj por nia brazila agado por Esperanto. Ne tro ŝtopita programo permesos ankaŭ koridoran babiladon kaj trankvilan amikiĝon, kun la ebleco, ke ĉiuj partoprenantoj loĝu dum la karnavala dimanĉo kaj la lunda mateno en la sama ejo (katolika seminario, kiu proponas eksterordinare favorajn prezojn). TUJ ALIĜU! LEGU LA RETEJON: http://winart.com.br/blogwinart/?page_id=12 .

## PLANOS PARA 2010

O Prof. José Passini, Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, envia a todos os samideanos no Brasil sua saudação de um feliz novo ano e expõe os planos de trabalho da instituição para o último semestre de seu mandato:

- manter a campanha para aumento do número de sócios;
- editar mais dois números da revista "Brazila Esperantisto";
- realizar o Congresso Brasileiro de Esperanto em Campo Grande/MS;
- realizar as "Conferências da LBE", em Piracicaba/SP;
- editar livro em/sobre o Esperanto;
- agilizar o trabalho de secretaria;
- manter contatos com políticos, diplomatas e universidades;
- representar a Liga no Congresso Universal de Esperanto, em Cuba;
- transmitir o mandato a nova diretoria, em ambiente de harmonia e colaboração;
- colaborar mais intensamente com a Juventude Esperantista Brasileira.

## ENCONTRO DA JUVENTUDE EM CHARQUEADA / SP

Nos primeiros dias deste janeiro algo "novo" aconteceu na pequena cidade paulista. O encontro de jovens Esperantistas foi proveitoso, agradável e estimulante. Organização de Guilherme Jardim, que assim se expressou: "foi dos melhores encontros Esperantistas de que já participei!" Esperemos que se repita! Veja fotos: guilherme@winart.com.br

## TUDO PRONTO PARA AS "CONFERÊNCIAS LBE 2010"

Elas vão acontecer pela terceira vez, agora em Piracicaba / SP. Não é mais um congresso. Serão palestras e debates de alto nível, com a finalidade de apuro cultural e troca de experiências, na busca de novos rumos para o Esperanto no Brasil. Não haverá palestras simultâneas. Programa espaçado, para permitir conversas informais, entre amigos. Será possível hospedagem para todos no local do evento. PARTICIPE!

Já renovou sua adesão à
Liga Brasileira de Esperanto para 2010?

Ĉu vi jam aliĝis al Brazila
Esperanto-Ligo por 2010?

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Januaro n-ro 1/2010


## ESPERANTO EN LA POLA AMBASADEJO

Je la lasta 11-a de decembro, okazis en la pola ambasadejo en Brasília signifoplena solenaĵo omaĝe al Zamenhof, kiu naskiĝis antaŭ 150 jaroj. Gvide de Úrsula Grattapaglia, kun ĉeesto de 65 homoj, la ceremonio enhavis muzikon de Chopin, salutojn de Ambasadoro Jacek J. Kisielewski, de Prof-o José Passini, de la aktoro Geordo Handzlink kaj partopreno de Prof-o Paulo Nascentes. Ludoviko Z Zamenhof, nepo de la Kreinto de Esperanto, sendis mesaĝon. Handzlink prezentis teatran monologon kaj gekantistoj Lys kaj Jean Nardoto kanzonojn en Esperanto. La Ambasadoro akceptis librojn pri Esperanto kaj la evento finiĝis kun eleganta koktelo.

## KONFIRMITA TUTAMERIKA KONGRESO EN SAN-PAŬLO

KONGRESARO 2011 SANPAŬLO - BRAZILO

Jen la komuniko de Prof-o Genildo Coelho, Prezidanto de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, post invito okazigi en tiu urbo la 3-an Tutamerikan Kongreson de Esperanto:
"Kiel konsentite, jen mi sendas la tekston de la sciigo de "São Paulo Convention & Visitors Bureau", laŭ kontakto kun la respondeculo pri la Amerika Komisiono de UEA, Maritza Gutierrez. Konfirmiĝas do la Tutamerika Kongreso en San-Paŭlo, en 2011. Nun, ni devas interkonsenti pri la plej oportuna dato kaj kostoj."
Laŭ interkonsento kun la Estraro de Brazila Esperanto-Ligo, EASP gvidos la organizadon de la menciita kongreso, kiu okazos samtempe kun la Brazila Kongreso kaj kun la Kongreso de Brazila Esperantista Junulara Organizo. Prof-o Genildo Coelho insiste petas, ke la Esperantistoj en la regiono de San-Paŭlo sin proponu por kunlaboro, tiel ke la Loka Organiza Komitato estu varia kaj grandnombra – kaj la sukceso pli brila.

## "SUMIRE" EN POUSO ALEGRE

Fábio Silva, Socia Direktoro de Asocio de Edukado kaj Kulturo L.L.Zamenhof, en Pouso Alegre / MG, invitas por la proksima "Sudminasa Renkontiĝo de Esperantistoj", kiu okazos en tiu urbo, je la 30-a de majo 2010. La temo de la renkontiĝo: "Esperanto, grava socia komunikilo".

## NOVA ESTRARO EN MATO GROSSO DO SUL

Esperanto-Societo Mato Grosso do Sul – SOEMS – elektis en decembro 2010 novan Estraron por la proksimaj du jaroj: Ataíde D. Godoi (Prezidanto), Diomedes S. Ávila (Vicprezidanto), Vanda C Schmitt kaj Suzana M. Siscar (Sekretarioj), Francisco P. Silva kaj Eire J. Ribeiro (Kasistoj), Eli V. Santos (Kultur-socia Direktoro). Adreso: Rua Antônio Maria Coelho nº 697 – Centro – CEP 79008-451 – Campo Grande – MS. Tel. (67) 3385-2432. godoiesperanto@uol.com.br. En tiu ŝtato okazos la proksima Brazila Kongreso de Esperanto, en julio 2010.

## "INKO" NOVEMBRA-DECEMBRA JAM LEGEBLA

La konata, riĉenhava kaj regule aperanta bulteno de Kultura Kooperativo de Esperantistoj, el Rio, jam estas legebla je la lasta numero de 2009: www.kke.org.br.

### ESPERANTO EM FESTA

Em 11 de dezembro de 2009, realizou-se na Embaixada da Polônia, em Brasília, cerimônia em homenagem a Zamenhof, nascido há 150 anos. Sob direção de Úrsula Grattapaglia, a solenidade teve apresentações musicais, saudações do Embaixador J.J. Kisielewski, do Prof. J. Passini, do Esperantista e artista G. Handzlink e participação do Prof. P.Nascentes. No encontro, o Embaixador recebeu várias obras sobre o Esperanto e o Movimento Esperantista.

### CONGRESSO PANAMERICANO DE ESPERANTO EM S. PAULO

Segundo comunicado do Prof. Genildo Coelho, da Associação Esperantista do Estado, os primeiros contatos com firmas organizadores já estão em andamento. O congresso deverá acontecer em 2011, em conjunto com o Congresso Brasileiro de Esperanto e com o Congresso da Juventude Esperantista Brasileira. Para isso, estão convocados os Esperantistas da região da Capital paulista, para que se componha uma comissão organizadora numerosa e forte, para o sucesso do evento.

### "SUMIRE" EM POUSO ALEGRE

Fábio Silva, Diretor da Associação de Educação e Cultura de Pouso Alegre/ MG convida para o "Encontro de Esperantistas do Sul de Minas", marcado para 30 de maio de 2010.

### NOVA DIRETORIA

A Associação Estadual elegeu em dezembro último sua nova diretoria: A.Godoi (Presidente), D. Ávila (Vicepresidente). Naquele Estado vai acontecer, em julho de 2010 o próximo Congresso Brasileiro de Esperanto. Informe-se: godoiesperanto@uol.com.br.

### MAIS UM NÚMERO DO "INKO"

O boletim da Cooperativa Cultural dos Esperantistas, no Rio, vem sendo editado com competência e regularidade. Acesse o número de novembro-dezembro de 2010: www.kke.org.br.

45º Congresso Brasileiro de Esperanto

Mato Grosso do Sul/MS

13 - 16 de julho de 2010